# Aŭstraliaj  Esperantistoj


## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Vera Payne**



**PLENUMITA 12/08/2018 Tricentokdeksesa eldono (unua eldono 20/09/2011)**

SENDITA AL 325. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur kun la dekaj eldonoj


Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

***Uzindaj ligoj Ctrl+klaku ligojn por kapabligi la malfermon***

**PMEGramatilko* reta-vortaro *Freelang Vortaro *Plena Ilustrita Vortaro*
** Esperanta Retradio * Google Translate * Pasintaj eldonoj **

Oni povas meti sian nomon, retadreson, urbon kaj landon al la listo de ricevantoj. rspring@tpg.com.au

## Entute 713,000 lernantoj nun studas Esperanton per Duolingo



Nun studas 400,000 lernantoj per la angla lingvo. (Ekde Majo 2015)
Nun studas 302,000 lernantoj per la hispana lingvo. (Ekde Oktobro 2016)
Nun studas 11,000 lernantoj per la portugala lingvo. (Ekde Majo 2018)

https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## Gramatika serio “La Verbo en P.A.G.”.



### N.ro 40 ( La Plena Analiza Gramatiko de Waringhien kaj Kalocsay) .




Ni do en Esperanto havas kombinojn de vortoj, kiujn kombinojn oni devas konsideri KAJ kiel unu nocion KAJ samtempe kiel du nociojn. Strangaj, ĉu ne, tiuj eŭropaj lingvoj! Bonŝance tiuj kombinoj okazas en Esperanto nur ĉe verbo kiel ĉefelemento kaj kun substantivo aŭ adjektivo (tre malofte infinitivo aŭ prepozicio). Jen du ekzemploj (pliaj poste): “Ŝi ŝajnas malsana” (aglutine: “Ŝi malsanŝajnas”), kaj “Ni elektis lin prezidanto” (aglutine: Ni prezidantelektis lin). Uzante tiajn neaglutinajn kombinaĵojn oni fakte kreas novan verbon, “malsanŝajni”, aŭ “ŝajni malsana” en du vortoj, kaj “prezidantelekti”, aŭ “elekti prezidanto” en du vortoj.

Akceptante tiajn vort- kaj signifokombinaĵojn Zamenhof kreis, laŭ la eŭropa modelo, esceptojn al la regulo ke unu nocio esprimatu per unu vorto. Tial li kreis alternativon, nome ke oni povas uzi la vorton “kiel” = “en la sama maniero kiel” antaŭ la flankelemento (la verbo restas la ĉefelemento), do “Ŝi ŝajnas kiel (esti) malsana” kaj “Ni elektis lin kiel (kiel ni elektas) prezidanton”. La akuzativo en la dua ekzemplo pruvas, ke la frazoj post “kiel” estas reduktitaj

subordaj predikatoj. En la proksimaj numeroj mi klarigos la du specojn de tiuj kombinoj de verbo kun preskaŭ aglutina flankelemento (komplemento). *Marcel Leereveld.*



# La Manlia Esperanto-Klubo







Anoj kunvenas la unuan kaj trian sabatojn je la 10atm. Bavarian Beer Café, Manly Wharf. Unu taso da klubpagita kafo atendos vin. La 4a de aŭgusto venis Roger Springer, Micheal Peters, John Casey, Eunice Graham, kaj Ian Wylles



*Roger Springer*



# Torquay Esperanto-Ekskurso

Antaŭe kontaktu…

torquayesperantocoffeeclub@gmail.com. aŭ Telefonu 61 3 5261 2899 aŭ 0409 336 861

Dimanĉon la 21an de oktobro. Venu! Vidu AE 384on. Amike *Marumi Smith*



# Pli da ZEOJ



En Hungarujo, mi vizitis amikinon en la urbo Pecs. Kompreneble ŝi montris al mi la Esperanto-Parkon, kiu situas en la urbo centro. La esperantistoj ne povis sufiĉe bone zorgi pri ĝi, ĉar la nombro ŝrumpis post la inaŭguro de la parko. La urbestro decidis ŝanĝi ĝin al ludejo por infanoj. Tamen restas portreto de Zamenhof kaj sur unu muro, tabuloj pri la hungaraj esperantistoj kiuj ludis grandan rolon en la Movado, kiel Julio Baghy kaj Kalman Kalocsay. Eble scivolemaj infanoj rimarkos tion kaj interesiĝos pri Esperanto *Franciska Toubale*









# Jen kelkaj fotoj de La nuna UK en Lisbono

Kaj aliaj en Fatima *Sandor Horvath*

# Multe da suno en niaj ĝardenoj.



## ĈU ESPERANTISTOJ LERNU KAJ SCIU ESPERANTON?

Jes, ili almenaŭ povu diri "Bonan tagon!" kaj "Ĝis revido!" Sed la registaro ne samopinias pri tio: laŭ ĝi la novaj enmigrantoj devas scii la anglan pli bone ol niaj juĝistoj. Mi ne samopinias. Do ĉu mia registaro estas idiotoj aŭ ĉu mi estas idioto? Vi decidu! Kaj vi decidu honeste kaj publike!

La afero ne estas facila: ĉu mi parolas la anglan se mi povas diri "*Goodday*" kaj "*Good bye*"? Ĉu mi estas Esperantisto kiu ne scias pli ol "Bonan tagon" kaj "Ĝis revido", la t. n. Bonantagon-Esperantistoj? Eble vi diros: "Jes, ĉar Esperanto estas pli ol lingvo. Ĝi estas idealo". En tiu kazo mi povas esti Esperantisto sciante neniun Esperantan vorton kaj ne volante lerni iujn.

Sed la celo de Zamenhof ĝuste estis, ke por sukcesigi la idealon oni lernu la lingvon por povi interparoli kun aliaj Esperantistoj. Do por esti Esperantisto oni devas KAJ lerni la lingvon KAJ havi la idealon de mondpaco. Sed kiom da idealo, kaj kiom da lingvokono? Se la idealo postulas ke vi povu paroli kun Esperantistoj de aliaj landoj, vi devas lerni la lingvon. Kaj sufiĉe bone por povi interdiskuti pri ĉiuj neteĥnikaj aferoj, sen miskomprenoj. Kaj la miskomprenoj aperas, se vi ne scias la lingvon same bone kiel vi scias vian etnan lingvon.

Nu, tio estas peza tasko. Sed ĉu vi dezirus havi belan idealon sen peze labori por tio? Do por esti Esperantisto, kun aŭ sen la idealo, vi devas peze labori por scii la lingvon. Ne por nur diri "Bonan tagon" kaj "Ĝis revido". Ne por paroli nur pri la malbela vetero kaj pri la bongustaj kuketoj. Ĉu vi tiel valorus por mi kaj aliaj? Jes, kompreneble, same kiel vi valorus al mi se vi estus membro de mia briĝoklubo. Vi povus eĉ esti ege utila por Esperanto, se vi prizorgas nian bibliotekon sen scii pli ol cent Esperantajn vortojn. Sed same kiel ni esperas ke por Esperanto vi prizorgas nian bibliotekon, same ni esperas ke por Esperanto vi lernas la lingvon pli profunde.

Ni diradas al interesatoj, ke Esperanto estas tiom facila ke oni ne bezonas lerni ĝin, aŭ nur iomete. Ni ja ne, aŭ malmulte, organizas sistemojn per kiuj oni povas forte labori, necesa por forte scii kaj uzi Esperanton. Ni diras "Jen, legu tion. Ĝi estas tre facila". Kaj la lernanto povas baldaŭ diri "Ĝis revido". Kaj ni eĉ ne mencias, ke por progresi estas utila, ke ili studu por ekzameno kaj subiru ekzamenon. Normale tio estas instigilo, en ĉiuj lernejoj, por serioze studi la lingvon. Kaj en Aŭstralio ni estas bonŝancaj, ĉar ni havas ses gradojn da ekzamenoj, el de la plej facila ĝis la nivelo kiu samas al via etna lingvo.

Sed kiom da AEA-membroj kaj kiom da novaj Esperantistoj subiras ekzamenon? Dum la nuna jaro mi aŭdis pri neniu. Ĉu Zamenhof kreis Esperanton nur por ke ni povu ludi en ĝi kaj ke ni povu vojaĝi al aliaj landoj aŭ ke ni povu diri Esperantajn vortojn dum ni trinkas nian tason? Por esti plena Esperantisto oni havu almenaŭ la Superan aŭ la Altan diplomon. Se ĉiuj tridek membroj de mia nederlanda Esperanto-klubo posedis almenaŭ tian diplomon, kial la po tridek membroj de niaj aŭstraliaj kluboj ne kapablus atingi tiun nivelon? Sed la membroj eĉ ne pensas pri tio, ĉar ni ne atentigas ilin pri tio. Aŭ ĉu niaj kafoj estas pli gravaj al nia laboro por internacia interkompreniĝo?

*Marcel Leereveld.*

**EN MIA ĜARDENO.**

Mia tilioarbo perdis du el la tri trunkojn, forsegatajn, kaj ĝi nun aspektas normala. Rigardante la ĝardenon, mi trovas mirinda, ke Dio kapablis krei samtempe tiujn milojn da malsamaj plantoj kaj animaloj. Kaj eĉ pli mirinda por krei la nanomondon, la bacilojn kaj la bakteriojn, la bestetojn tiom malgrandajn ke homa okulo ne povas vidi ilin. Eble Li mem estis aŭ estas nanaĵo, por pli bone povi enpenetri en ĉiujn vivantaĵojn. *M. L.*

**VARMAJN GRATULOJN AL DOMINIC**, pro lia doktoriĝo. Mi esperas ke li povos uzi tion ankaŭ favore al Esperanto, por esti iu Alia (*someone Else*). *M. L.*

**ESTAS NESUFIĈE KONATA**, ke antaŭ ol ekstermi la judojn, la Hitleranoj jam ekstermis multajn komunistojn (i.a. samfamilianon de mia edzino), kaj ankaŭ konatajn laborpartianojn, per simpla mortpafado. Inter tiuj estis Esperantistoj, por la Nazioj des pli da tialo por mortigi ilin. La germana popolo ĝenerale ne estis pli murdema ol aliaj popoloj, kaj sub amaspsiĥoso kaj menspoluciado (*brainwashing*) ankaŭ la britoj, francoj, kaj nederlandaj soldatoj faratis en militoj same murdemaj. Bonaj armeopsiĥologoj zorgis ke tio okazu. Mi bone memoras tion pri nederlandaj soldatoj batalantaj kontraŭ la indonezianoj.

Mi trovas la vorton "menspolucio" pli bona ĉar pli forta ol "mensinfluado kaj mensdirektado".

Mi ankaŭ preferas, por la "holokaŭsto", la vortojn "juda ekstermomurdo ate de la nazioj". M. L.

**LA PASIVA TEMPO EN ESPERANTO**. Ĉu vere? Ĉu tio ne estas idiotaĵo? Oni ja povas havi nur la nunan, pasintan, kaj estontan tempojn en Esperanto, ĉu ne? Nur la Voĉo povas esti Pasiva, ĉu ne? Jes, "pasiva tempo" estas idiotaĵo, sed vi, la ege kleraj sed ne sufiĉe kleraj specialistoj pri la Esperanta gramatiko uzas tiun idiotaĵon. Kaj vi ne volas plu legi, ĉar vi ne volas trovi ke vi uzis kaj plu uzas idiotaĵon. Tio eble kaŭzus apopleksion. Pli bonas simple diri ke mi malpravas, kvankam vi ne kapablos pruvi tion.

Jam antaŭ mi la granda Esperanto-specialisto Kolomano Kalocsay asertis, ke en la Zamenhofa Esperanto ne ekzistas la verba Pasiva Voĉo. Tio signifas ke se vi uzas ion por reprezenti la Pasivan Voĉon, vi diras idiotaĵon, ĉar ĝi ne estas esprimebla en la Zamenhofa Esperanto. Laŭ la rezonado de Kalocsay, kaj nun ankaŭ de mi. Ripete: vi diras idiotaĵon se vi volas esprimi la verban Pasivan Voĉon en Esperanto. Laŭ Kalocksay, kaj nun ankaŭ laŭ mi. Ĉar se vi volas diri la Pasivan Voĉon de la Aktiva Voĉo "Oni ĵus ŝanĝis la reĝan gvardion", vi ne povas diri "La reĝa gvardio ĵus estis ŝanĝata", ĉar tio estas la pasivo de la aktiva "Oni ĵus estis ŝanĝanta la r. g." signifanta ke la ŝanĝado ankoraŭ ne finiĝis kiam la bombo eksplodis. Tion oni nomas la Daŭra Tempo (pli bonas "Daŭra Aspekto de la Ago"). Vi neke povas diri "La r. g. estas ŝanĝita", ĉar tio estas la pasivo por la aktiva :Oni estas ŝanĝinta ĵus la r. g.", kiun oni nomas la Perfekto; kaj vi ne povas diri "La r. g. estis ĵus ŝanĝita", ĉar tio estas la pasivo de la aktiva "Oni estis ĵus ŝanĝinta la r. g.", ĉar tio estas la pluskvamperfekto, kie oni diras kio okazis antaŭ iu okazo en la pasinteco, koresponda al la Aktiva "Oni estis (iam en la pasinteco) ĵus (= antaŭ tiu pasinteco) ŝanĝinta la r. g.". Tion sciis Kalocsay, kaj verŝajne ankaŭ Zamenhof; sed ne vi ĉar vi estas ege klera sed ne sufiĉe klera por vidi tion. Sed ne malesperu: centoj da ege

kleraj Esperantologoj ne scias tion (tamen malpli da ili en la pasinteco). Vi kaj Kalocsay, vivantaj en la pasinteco, ne povis trovi la solvon: sufikson por la verbo de la aktiva voĉo. Nur antaŭ deko da jaroj oni trovis la solvon, ĉar tiam iu nederlandano loĝanta en Aŭstralio trovis la Zamenhof'an Regulon pri Signiforedukto, kiu ebligis (= permesis) krei la Pasivan Voĉon per la sufikso "–ati". Bedaŭrinde Kalocsay tiam jam estis mortinta (= jam antaŭe mortis). Sed vi (kaj via menso) vivas, ĉu ne?

Kompreneble miaj "vi" aludas nur kelkcenton da transmaraj ege spertaj Esperantistoj kaj nur dekon da aŭstraliaj/njuzelandaj geamikoj, kaj mi malinkluzivigas la aliajn, kiuj ja simple imitas aŭ obeas la dekon. Krome mi malinkluzivigas ankaŭ la kelkajn ege spertajn kaj sufiĉe spertajn aŭstraliajn amikojn, kiel Bob kaj Bernie kaj kelkajn melburnanojn kiuj jam komprenas, kaj uzas, la nuran verban Pasivon, tiun per la sufikso "-ati". (kelkaj pro, kaj aliaj pro manko de, universitataj studoj lingvismaj.) Kaj plurajn eksterlandajn pri tio sufiĉe klerajn samideanojn.

*Marcel Leereveld.*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Profesoro Ronald Gates



Kiu verkos por A. E. vivhistorion de la ĵus mortinta Ron Gates?



Li estis tre grava en la historio de Esperanto en Aŭstralio. Li estis tre aktiva vicprezidanto kaj prezidanto, ĝis iu ne plu en Aŭstralio vivanta Esperantistino elpuŝis lin el tiu pozicio por mem havi la postenon de Prezidantino. Lia kono de Esperanto kaj de ĝia gramatiko estis perfekta, kaj li verkis plurajn detektivromanojn en Esperanto, eldonitaj en Belgujo. Li estis *Rhodes Scholar*, profesoro de Ekonomio, universitatestro, kaj regule parolis en la radio pri ekonomiaj temoj. Li eksiĝis el A.E.A. kiam la Igor-kliko elĵetis min kaj plurajn aliajn Esperantistojn el A.E.A. en 2005 kaj 2006. Preskaŭ ĉiuj membroj de A.E.A. en tiu tempo akceptis nian elĵeton kaj do simpatiis kun Igor kaj lia kliko. Ron Gates estis komunisto kiam li estis studisto, kaj en sia posta vivo estis politike konservativulo. Li lernis Esperanton pro instigo de lia amiko Ralph Harry.







*Marcel Leereveld.*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★



# Semajna raporto de Melburno



**DIMANĈA KUNVENO**

Dimanĉon la 5an de Aŭgusto dek homoj (inkluzive de kvin komencantoj) kunvenis ĉe ACMI Cafe & Bar. Ĉiuj helpis instrui la novajn lernantojn.

**VENONTAJ KUNVENOJ** - pro la eksterlanda vojaĝado de multaj membroj ni ne kunvenos Lunde ĝis la 3a de Septembro

**Dimanĉa kunveno**, ĉe ACMI Cafe & Bar, Federation Square

Dimanĉon la 12an de Aŭgusto je 15:00-17:00

**NUNAJ SEKVANTOJ** (Alklaku la nomon por iĝi plua!)

Meetup – 1199 Instagram – 169

Facebook – 395 Telegram – 15

Twitter – 389

*Joanne Johns*



# "Malgrava historieto pri mia vivo" Bob Felby

## Ĉapitro 15 Mallonga ferio en Anglujo



Iun someron ni havis tiom da mono, ke ni facile povis iri viziti la patrinon de Audrey en Anglujo. Ni iris vagonare al Hoek van Holland, de tie per ŝipo al Harwich en Anglujo, ktp. ktp. La vagonaro de Harwich estis ĉi tiun fojon preskaŭ tute moderna. Mi ne bezonis ekzamenati de angla kuracisto, aŭ instrui la danan al iu, kiu ne povas lerni ĝin. Sed mi devis stari en longa atendovico, ĉar mi ne estis konsiderata anglo, kvankam mia edzino estas. Do ŝi kaj la tri infanoj staris en mallonga atendovico, dum mi staris en longega. Devas ja, eĉ en la demokrata Anglujo, esti iom da diskriminacio kaj humiligo, ĉu ne?

Se mi bone memoras, ni restis en Anglujo tri semajnojn kaj montris al niaj infanoj tiom, kiom ni povis en tiu mallonga tempo. Marko Anglo provis instrui la danan lingvon al mia angla nevino. La vorto estis "telefonboks", kiu estas preskaŭ la sama en ambaŭ lingvoj, sed la kompatinda knabino apenaŭ povis eldiri la vorton pro ridado. La dana lingvo sonas ridinde!

Ni revenis de nia ferio al Danlando kun multaj bonaj rememoroj.

*Daŭrigota* *BobFelby*



# Oni diris al mi, ke kelkaj ligoj ne funkcias.

Do mi traserĉis la reton kaj esperebIe trovis la solvon de tiu problemo.

La problemo okazas kiam mi ŝanĝas la formaton al "pdf". Se vi ankoraŭ havos problemojn malfermu la ligojn, informu min kaj mi ree serĉos por alia solvo.

***Uzindaj ligoj Ctrl+klaku ligojn por kapabligi la malfermon***

**PMEGramatilko** *reta-vortaro* **Freelang Vortaro* **Plena Ilustrita Vortaro*
** Esperanta Retradio** *Google Translate** *Pasintaj eldonoj**